# Kajeroj — el la Sudo



## BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)

Sidejo: Strato Sol, 75. E-41003-SEVILLA (Hispanio).

Prezidanto: Manuel López Hernández
Apartado 369. 41080-SEVILLA (Hispanio).
***
Sekretario: Alberto Franco Ramírez
Sol, 83/85. 41003-SEVILLA.(Hispanio)
***
Kasisto: Ramon Manau Torres
Montseny, 5.-piso. 08208-SABADELL (Barcelona) Hispanio.

---

Redaktoroj de la bulteno:

Antonio Marco Botella
Av.Compromiso de Caspe, 27/29.9º.C.
50002-ZARAGOZA. (Hispanio)
***
Miguel Fernández Martín
C/Santa Genoveva, 58. 6º. C.
28017-MADRID.- (Hispanio)

---

Kovrilo: "Almozpetanta Infano" de Murillo (1616-1682). Infanoj almozpetantaj, laborantaj aŭ mortmalsatantaj estas alia plago de ĉi-jarcento.

---

Enhavo:



---

NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

---

# LA EVOLUO DE LA IDEOJ.

*Hieraŭ mi renkontiĝis kun amiko ĵus veninta el Rusio, kiun mi ne vidis de antaŭ 52 jaroj. Li kaj mi kune, kunvivadis dramajn horojn, kiam ambaŭ sur angla ŝipo "Stambrook" forlasis la havenon de Alicante jam en la stertoroj de la hispana intercivitana milito, dum la bomboj de faŝistaj aviadiloj persekutis nin celante dronigi nin, antaŭ ol ni atingus nian ekzilejon.*



*Preskaŭ mirakle ni savis nian vivon, sed kiam ni alvenis al la alĝeria haveno de Orano, la "demokrata" registaro de Francio preparis* por *ni memorindan akcepton per honta parado de senegalaj soldatoj,kiuj per bajonetoj ne permesis nian elŝipiĝon... Brava akcepto de niaj "amikoj" al la batalantoj por libero kaj demokratio!*

*En tiu haveno, ni, jam ekzilitoj, restis 17 tagojn vivante nur dank' al panpecetoj kiujn ni ricevis de niaj simpatiantoj, venintaj per boatoj proksime al la ŝipo,fidele imitante tiujn scenojn videblajn en parkoj, kiam infanoj ĵetas panpecetojn al simioj. Sed tio estas simpla anekdoto nevole ŝprucanta el mia plumo, ĉar kio reale mi intencas diri estas, ke dum tiuj 17 tagoj de terura malsato, tiu amiko, kiun mi hieraŭ renkontis kaj mi mem pasigis nian tempon plaĉe parolante kaj parolante pri niaj respektivaj idealismaj konvinkoj, inter kiuj ankaŭ Esperanto. Li, ĝisosta komunisto; mi, modesta simpatianto de liberpensemaj ideoj; ambaŭ, plenaj de vivo, iluzioj kaj esperoj...*

*Kia fervoro en li ! Kiom da energio, fido kaj forto en la komunismaj ideoj de tiu homo, malgraŭ la pesimisma etoso de*

tiuj tagoj post la malvenko en Hispanio. Laŭ li, Sovetunio estis patrujo de ĉiuj laboristoj de la mondo, savonta la homaron de la kapitalisma ĥaoso. Kaj pentris tiun landon kiel modelon de perfekte organizita ŝtato, regata de la saĝa ideаro de la marksismaj ideoj kaj de homoj senriproĉe idealismaj. La revolucio devus okazi en la kapitalismaj koruptaj landoj far la lokaj komunistaj partioj, ĉar la imitinda modelo jam estis la brila Sovetunio!

Post tiuj 17 tagoj de senfinaj priidealismaj konversacioj, li kun kelkaj elituloj de la partio forlasis la ŝipon por rekte veturi al Sovetunio, al la "paradizo". Mi, same kiel la ceteraj ekzilitoj, per vagonoj al koncentrejoj, denove ĉirkaŭataj de senegalaj bajonetoj (tiamaj koloniaj trupoj).

La jaroj forflugis, kaj denove mia amiko kaj mi,ambaŭ jam maljunaj, perdinte la "paradizon" kaj eble ankaŭ kelkajn el niaj revoj, renkontiĝas nun en kafejo por konversacii inter gluto kaj gluto de aroma bongusta kafo...

Kompreneble,ke ni elvokis niajn konversaciojn sur la ŝipo "Stambrook". Li restas ankoraŭ komunisto,sed tiu lia nuna idearo,nenion similas al tiu, kiun li senbride kaj entuziasme proklamis antaŭ duonjarcento. Post tiom da jaroj da loĝado en Sovetunio, li povis propraokule distingi kaj konstati kio estis paradizo, kio terura infero, kio estis marksismaj ideoj korekte aplikitaj en la vivo rusa, kaj kio estis la realo kaj trompo rilate al la veraj aspiroj de la laborista popolo... Objektive, la rusa popolo multe progresis dum la unuaj jaroj de la revolucio kompare kun sia antaŭa reĝimo, sed baldaŭ la teknokrataro bremsis tiun progreson kaj organizis la ŝtaton kiel gigantan prizonon, sen rajtoj kaj aspiroj por la laboristaro. Al tiu regresema politiko en Rusio oni devas nepre aldoni en la aliaj landoj de Sovetunio la neagnoskon de la propraj karakterizoj kaj kulturaj signoj de identeco de tiuj popoloj, kio evidente vekis en ili frustraciojn vundige profundajn. Kolektiĝis multaj eraroj, ofte eĉ monstraj malhumanaj eraroj absolute netolereblaj en civilizita mondo, inter kiuj ni,unuavice indiku la nerespekton al la homaj rajtoj de la individuoj kaj la starigon de fera polica ŝtato, certe tute neimagebla kiel modelo por la laboristaro. Sed la plej granda eraro sub socia vidpunkto estis forgesi, ke la partio havis kiel aprioran

taskon defendi la laboristajn interesojn, eĉ antaŭ ol tiujn de la ŝtato, pragmatan agadon kiun ĝi neniam plenumis. Ankaŭ ideologie la eraroj abundis pli ol la korektaj interpretoj: Trafe oni emfazis la principon pri klasbatalo kiel deviga elemento de la historia dinamismo, sed grava eraro de la Marks-teorioj kaj sovetaj ideologoj estis konsideri ĝin kiel unikan kaj decidan faktoron, ĉar efektive ekzistas aliaj faktoroj same gravaj por klarigi la kialon pri sociaj ŝanĝoj kaj historia dinamismo, ekzemple scienco kaj tekniko. Ambaŭ sufiĉe decidigaj por provoki ŝanĝojn sociajn, ekonomiajn kaj historiajn, kiuj absolute ne rilatas al la klasbatalo. Mi opinias, ke eĉ amo kaj solidaro estas tiel influaj kiel klasbatalo: oni batalas por ebligi pacan kunvivadon kaj ne por batali!




Alia elemento el la Marks -teorioj fiaskinta tiel teorie kiel en la pragmata aplikado en Sovetunio kaj en la tiel nomitaj"socialismaj landoj", estas la laborsistemo,per kiu oni intencis redistribui la laborprofiton. Efektive, en la klasikaj rilatoj entreprenisto-laboristo, aŭ kapitalo-salajrato, la marksismaj ideologoj akre kritikis la alproprigon de la plusvaloro fare de la kapitalistoj. En la klasika duopo,ili anstataŭis la entrepreniston per ŝtatkapitalismo, kiu alproprigas al si la plusvaloron generatan de la sistemo kaj redistribuas ĝin laŭ interesoj de la teknoburokrataro kaj ne laŭ la bezonoj sociaj kaj profito de la laboristoj, kio evidente mortigas la stimulojn, plialtigas la kostojn de la produktado, malriĉigas la socion, kaj lasas la laboristojn sen ia ajn kompenso al ilia klopodo, kio inklinigis prisociajn studemulojn prave diri: "ke ne sufiĉas ŝanĝi la juran titolon de kapitalo, se la ekspluatsistemo daŭrigas por la laboristoj samajn maljustajn redistribuojn de la plusvaloro".

"Eble, la plej granda eraro de la tuta politiko en Sovetunio kaj orienteŭropaj landoj estis la rigida netoleremo de la reganta klaso kontraŭ iniciatoj, ŝanĝoj aŭ revizioj de la sistemo politika-socia. Novaj iniciatoj, precipe se ili venis de anonima laboristo aŭ simpla civitano, estis tuj konsiderataj kiel perfido, kiel nepardonebla atako al la

*sistemo. En tiu ĉi kazo la sovetaj ideologoj perfidis ne nur la popolon sed ankaŭ la marksajn teoriojn, ĉar marksismo estas reviziema laŭ propra esenco: Marks konsideris kiel bazon de sia filozofia penso la ideon pri la unuarangeco de "esti" super "pensi", aŭ kiel li komentis:"kio gravas ne estas tio, kion la homoj pensas, kion ili diras,ke ili faras,sed tio, kion ili reale faras", do penso pri historia realo devas ŝanĝiĝi kaj mem korektiĝi depende de realiĝontaj faktoj.La sekvoj de tiu agadsistemo faris el la "socialismaj landoj" gigantan karceron, maljustan socion, diktaturon netolereblan, kiun la popolo, la laboristoj, jam de longe abomenis, ĉar evidente tio ne estis regado de la popolo por la popolo sed tirana reĝimo".*

*La dialogo ofte fariĝis longaj monologoj per kiuj li, mia amiko, volis esprimi la esencon de siaj spertoj kaj siajn grandajn sciojn politiko-sociajn,kaj li proklamis antaŭ mi kun vera fervoro, ke la iamaj bonaj komunistoj ankoraŭ ne finis sian taskon: mizero, rasismo, fanatikaj naciismoj, lokaj militoj, laboristaj rajtoj, ekologio kaj mil kaj unu problemoj ankoraŭ estas antaŭ ni postulantaj justajn solvojn. Kiel trafe deklaris antaŭ ne longe hispana komunisto(eŭropa parlamentano) la homaj rajtoj kaj kelkaj aliaj brilaj principoj subskribeblaj eĉ de konservativuloj ne sufiĉas por revivigi la siglojn de la partio aŭ la partion mem, ĉar la afero ne estas problemo pri prestiĝo aŭ sentimentalismaj reagoj. Tio jam estas paseo. La sociaj problemoj de nia epoko ne plu estas la samaj,kiuj postulis iam la fondon de la komunista partio, jen kial ni devas rekomenci per renovigata ideаro, novaj principoj kaj novaj iluzioj la taskon, ne nur por kontraŭbatali kaj solvi la problemojn indikitajn, sed celante krei homaron solidaran kaj pli justajn vivkondiĉojn por la laboristoj, kongruajn kun nia epoko. En tiu revo ankaŭ vibras la esperantista ideo kiel pragmata aspiro, kaj la abomeno kontraŭ ĉiaj politikaj kaj sociaj dogmoj, ĉar primitivaj, maljustaj kaj malaktualaj...*

*Nia kafo-gustumado kun suka konversacio komenciĝis je la kvara postagmeze kaj finiĝis kiam noktomezo jam estis forpasinta. Mi tute ne laciĝis aŭdante tiun batalanton, tiun revemulon kritiki kaj priskribi la evoluon de la socipolitikaj ideoj laŭlonge de la lastaj jardekoj. Kompreneble,ke multaj politikaj nanoj kiuj ne atingas la staturon de idealistoj, ~*

*almozuloj de postenoj kaj profitoj, indiferentuloj, ĉi tiun temon konsideros banala, sensignifa, netranscenda...Mi, eĉ kelkfoje ne opiniante same kiel li, sentis en la fundo de mia koro admiron por tiuj homoj kiuj malavare sin donas al idealo.*

*Guste kiel mia amiko.*

*A. Marco Botella*

****** ********** ******

# Bonvolu ridi... sed ne tro!.



En teritorio de antropofagoj.-

Du kanibaloj, patro kaj filo, malsataj, trairante la arbaron, ekvidas belegan esploristinon.
La filo, rigardante ŝin kun brilaj okuloj antaŭ la frando de tiel delikata blanka karno, diras al la patro:-Paĉjo, ĉu ni povas manĝi ŝin?-

La patro, ĝue rigardante la sekse apetitvekan linion de la belulino respondas al la filo: -ho, tute ne, mia filo, ni kunportos ŝin al nia hejmo kaj ni formanĝos vian patrinon!-
Sendube malmankas la komentoj!
***** ***** *****

Kalkulema ebriulo.-

Plene ebria homo penas zigzage iranta trovi sian hejmon. Fine, li haltas sur la trotuaro kaj demandas al promenanto: -Sinjoro, ĉu vi estus tiel afabla diri al mi kiom da vundoj mi havas sur mia frunto?-

La promenanto ĝentile al li respondas: -ho jes, vi ja havas tri vundojn-.
La ebriulo pripensas, kalkulas kaj diras al si mem: Tiam, nun mankas al mi nur kvin semaforoj por atingi la hejmon.
Oni ne povas diri ke tiu ebriulo ne estis kalkulema!
***** ***** *****

# Bonvolu ridi... sed ne tro!

Insultema Infano.-

Pakito, fileto de mia najbarino, estas infano sufiĉe ofendema, kiu, kutime, vole-nevole insultas ĉiam, kiam li parolas, kaj ĉar babilema, plenmerite gajnis famon de netolerebla infano. Iun tagon vizitis la hejmon de mia najbarino ŝia laborestro, kaj, konscia pri la ofendemo de sia filo, ŝi ordonis lin paroli eĉ ne unu solan vorton dum la vizito de la ĉefo.

Venis la vizitanto kaj jam dum la aperitivo la infano montris deziron ion diri, sed la patrino, tre rigore, ne permesis al li tion. Du, tri, kvar, kvin fojojn, eble pli la infano insistis pri sama deziro, sed ŝi ĉiam respondis negative. Al la insisto de la infano baldaŭ aldoniĝis la peto de la vizitanto, ke ŝi lasu lin paroli. Fine, ŝi antaŭ tiom da insisto rigardis al la ĉielo kaj,kvazaŭ petante miraklon, diris al sia fileto:-Bone, fileto mia, diru, diru kion vi volas!

La infano tuj ekparolis kaj demandis sian patrinon:-kial, panjo mia, nia vizitanto havas tiom grandan nazon? Aŭ pli bone, diru al mi unue kial li havas tiom grandajn orelojn, similajn al tiuj de azeno?- aŭ kial li aspektas simie? Kaj la infano daŭrigis kaj daŭrigis... La bona patrino ŝajnis esti en alia mondo kaj mallaŭte nur murmuris:-parolu, fileto mia, parolu, parolu...kaj komplezu lin!

***** ***** *****

En juĝejo.- La juĝisto demandas: ĉu la akuzito estas edziĝinta?- La akuzito respondas:-Jes sinjoro!-
La juĝisto: -ĉu kun idaro?-
La akuzito: -Ho, ne! kun Maria-
La juĝisto: -Idaro signifas kun filoj-
La akuzito: -Tiam jes, mi havas "idaron kaj "idarinon".

***** ***** *****

Infana sincereco.-

-Karulino, diris patrino al sia filineto, kondutu bone kaj faru nenian rimarkon pri la oreloj de nia hodiaŭa vizitanto-
Alvenas la vizitanto kaj kiam ĉiuj sidas ĉirkaŭ la tablo la infanino ekaŭdigas jenan maloportunan demandon: -Panjo, kial do vi ordonis al mi, ke mi nenion diru pri la oreloj de nia invitito, ĉar mi konstatas ke, kvankam iom grandaj, ili havas nenion specialan?

Kompreneble, panjo neniam respondis la naivan demandon.

María Fernanda

# NIA GRANDA GVIDANTA TRIOPO.

---

Mi ĵus sciiĝis pri la morto de la lasta ano el nia granda triopo: Zamenhof, polo; Kalocsay, hungaro; Waringhien, franco.

Ni ĉiuj bone scias kaj konscias pri la meritoj de Zamenhof, sed ne ĉiuj el ni plene konscias pri tio, kíom multe ni ŝuldas ankaŭ al Kalocsay kaj Waringhien. Tial,mi parolu iomete



pri la du lastaj triopanoj, per skizo pri iliaj ecoj, laboroj, meritoj:

-Intensaj vivo, amo, produktado rilate la vivon, la belon, la arton, la poezion, la parolon, la sciencon, la humanismon.

-Profunda sin-dediĉado al la afero Esperanta, tiel ke ili fariĝis duaj, tuj post Zamenhof. Ili plene kaj komplete sciis, studis, analizis,endosierigis, sistemigis pri Esperanto: Pri la lingvo kaj ties historio, pri la verkaro ekzistanta, pri la proponoj, diskutoj, ktp.

-Altagrada lingvoscienca kompetenteco. Kompleteco, objektiveco, honesteco ĉe citado kaj prezentado de faktoj. Rigora argumentado, kun klara distingo inter faktoj, opinioj, proponoj, kaj kun klara perceptado de rilatoj kaj konsekvencoj de diversaj alternativoj.

-Kompetento pri verkado traduka kaj originala, beletra kaj lingvoscienca.

-Danke al iliaj laboroj ni jam delonge posedas tiajn juvelojn, rajte portantajn la fierajn titolojn "Plena Analiza Gramatiko de Esperanto", "Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto", editorado de la "Lingvaj Respondoj" kaj de "Leteroj" de Zamenhof, studaĵoj pri la gramatika karaktero de vortradikoj, esperanta vesto de verkoj de Dante, Shakespeare, Baudelaire, kaj multaj aliaj. ¡Kíom multe ili sukcesis fari, kíom da kvalito ili donacis al ni!

Zamenhof estis la geniulo kiu riĉigis nin per la lingvo kaj per la tre kompetenta laborado kaj gvidado, kiu sukcesis vivigi la tuton, ekde la Fundamento ĝis la plej gravaj partoj por elkonstruo de la nova domo. Kaj Kalocsay kaj Waringhien siavice pruviĝis la plej kompetentaj kaj altmeritaj disĉiploj de Zamenhof, sukcesintaj ĝisfari la domon komforta, fiere montrebla al la mondo por ke ĝi konstatu, kíom kaj kíel ni komfortas, kaj tial kun pli da forto ni povu inviti ĉiujn al respekto, al helpo, al kunlaborado.

Por iom pli da kompleteco en ĉi tiu skizo, mi menciu ankaŭ tiun ies opinion, ke la lingvistika laboro de Kalocsay kaj Waringhien bezonas ioman poluron kaj perfektigon. Nu, tio eble estas prava aserto -kvankam mi pensas, ke ĝi povus rilati nure al iom pli pedagogia prezento. Sed... sukceso je tia grandfaro estos nur je atingopovo de tiuj eventualaj favoratoj de la dioj, kiuj disponos la saman kapablon, kompetenton, scion, kaj volos kaj povos sin dediĉadi intense al tia tasko: ¡La defio ne estas triviala!. -Vere, ke ni ĉiuj estos tre feliĉaj, se tiaj novaj homoj aperos inter ni; sed, dume, ni ne sentas nek sentos nin orfoj, ĉar jam delonge ni estas bone ŝirmataj.

Kaj ĉar ĉio dirita konsistigas niajn komunajn sentojn kaj opinion, jen mi pensas, ke per esprimo de ili ni povas plej sincere, elkore kaj varme esprimi nian admiron kaj dankon al Waringhien -la ĵusa forpasinto-, al Kalocsay -mortinta antaŭ ne multaj jaroj- kaj al Zamenhof, ĉar ili tri, interfratiĝe, konsistigas nian grandan, gvidantan triópon.

Antonio Alonso Núñez

Noto de la Redaktoro.-

La aútoro de tiu ĉi artikolo S-ro Alonso petis al ni allasi certajn signojn (¡) (í), kiujn ni normale ne uzas en la indikitaj kazoj. Ne temas do pri tajperaroj, nur ni volis respekti lian deziron.



# JEN ESPERANTISTA AMIKO.

Antaú kelkaj tagoj mi legis en la numero 303 de "Boletín", ke mia bona amiko Salvador Gumá i Clavell fariĝis 90-jara. Kaj neeviteble venis al mi ondo da rememorajôoj elvokantaj tiujn pasintajn tagojn kiam mi konatiĝis kun li: Tio okazis en Terrassa kadre de la unua hispana kongreso de Esperanto post la intercivitana milito, jaro 1951, evento pri kies okazigo oni dubis ĝis la momento mem de la malfermo de la kongreso, ĉar la tiama diktaturo ne facile cedis... Tiam ni estis junaj kaj optimismaj, kvankam la socipolitika situacio estis ankoraú ege malfacila, sed en nia koro viglis ĉiuj esperoj, kaj ni, dum la kongresekskursoj recitis kaj kantis en Esperanto, eble por kompensi la jarojn de deviga silento. En tiuj momentoj, nia amiko Salvador improvizis versaĵojn, tiel facile, ke ni tuj ekadmiris lin. Speciale impresis nin certaj versoj de karaktero popola kaj spontana, plenaj de suko, de naiva-moka scio, tiklaj kaj realismaj...



Apenaú mi legis en la citita revuo pri la datreveno de nia veterana amiko, mi senpolvigis la paperojn ame gardatajn en obskura angulo de mia skribotablo, sur kiuj aperas tiuj versoj kiuj tiom impresis nin jam antaú longe, respektoplene petis al la Redaktoroj de "Kajeroj" la publikigon de tiuj versoj kiel omaĝon al nia amiko Salvador kaj admiron al bonega esperantisto. Jen la prikomentitaj versaĵoj:

<u>KANTO DE LA TIKLOJ.-</u>

La inferon mi vizitis
kaj vidis multe da brulantoj,
kaj konstatis, ke pro amo
ne damnas sin geamantoj.

Mi sopiras eternecon
kaj plezuron en la gloro,
sed atendas min la ĉerko
kaj ĝi restados en la tombo.

Se vi celas geedziĝon
observadu la fraúlinojn,
ĉu en manoj havas truojn
kaj akrajn ungojn je la fingroj.

Varman lokon serĉas katoj
molan pajlon volas hundoj,
kiel kapkusenon volas
mi, vian mole varman bruston.

La okuloj, du morusoj,
ŝia buŝo, fajra ardo,
ŝiaj vangoj du rozetoj
sed ŝia koro...nigra karbo.

Du aferoj en la mondo
pro ektuŝo makuliĝas:
la freŝeco de la floroj
kaj la pureco de l' animo.

Cu vi kuŝos, ĉu vi staros,
ĉu vi dormos aú laboros,
fine de la finoj ĉiam
la vermoj manĝos vin en tombo.

Certe, nek Suno nek Luno
nek la steloj de l' ĉielo
kune samtempe brilante
brilas pli ol via belo.

Klaĉa lango pli mortigas
ol tranĉilo de buĉisto;
ĝi mortigas nur po unu
sed langoj buĉas po dek-miloj.

La malbonaj ĉar malbonaj
kaj la bonaj sen distingo,
la tunelon al la morto
oni eniras kun tremtimo.

Estis ĉiam sama dramo
inter viro kaj virino,
je komenco pura amo,
kaj bastonado je la fino.

Mia bopatrino mortis,
kaj akuŝis la kaprino,
vidu,ĉu alia homo
pli multe havas da feliĉo.

Sian neston zorgas birdoj
papilioj ŝatas lumon,
patroj amas la filinojn
sed...filinoj la mallumon!

Mian vivon vi prilumis
mia kara amatino,
tial nun mi venas rabi
de via lumo la radiojn.

Se ofendas mia voĉo
ke ruĝiĝas via vango,
la okulojn mi tuj vindos
kaj en la buŝ' kudros la langon.

Vivu do la Libereco!
vokas laúte kun kuraĝo
tiuj, kiuj havas hejme
fermitan birdon en la kaĝo.

Se mi estus la paŝtisto
kaj vi estus paŝtistino,
tre verŝajne tuj sin paŝtus
la ŝafoj inter la ŝafinoj.

Havis ja okulojn bluajn
la trompinta min virino,
okuloj de ĉiela bluo,
ho, kiel granda la perfido!

Jus por vi mi plantis pinon,
apud pordo rosmarenon,
sed abel' en via buŝo
fabrikis tunon da mielo.

Tutan vivon mi pasigis
pristudante la virinojn,
kaj finfine mi konkludis
ke mi lernis nur nenion!

REFRENO:

Ni tiklas, tiklas
ni tiklas,tiklas
kun la plej bona humor',
ni gaje kantas
dum ni pikadas
per la tikloj de la kor'.

Ĉi tiuj koploj kaj aliaj estis tradukitaj aú adaptitaj el la hispana, aú,originale verkitaj de Salvador Gumá. FELICON KAJ GRATULON! amiko Salvador.

José Mª BERNABEU.

*Poetoj de Al-Andalus.-*

# LA BELA SENKOMPARA KORDOVO.

*La proklamo en Okcidento de la Kalifejo de Kordovo en la jaro 929 fare de Abd-al-Rahman la III-a (912-961) koincidas kun la maturiĝo de la liriko en Al-Andalus (Iberio). La juna Abd-al-Rahman heredis de sia avo, la emiro Abd-Allâh (844-912), landon en kompleta malordo kaj ruino. Diversaj fakcioj batalis inter si por interesoj - absolute fremdaj al tiuj de la propra lando, dum tiu ĉi restis preskaŭ sendefenda antaŭ eventualaj atakoj de afrikanoj tra la sudo aŭ de kristanoj tra la nordo. Kun energio kaj talento senegalaj, kun kuraĝo kaj prudento, la juna emiro (poste kalifo de Okcidento) venkis ĉiujn fakciojn, organizis fortan armeon, bremsis la agresemon de kristanoj kaj afrikanoj, metis ordon kaj prosperon en la agrokulturon, en la industrion, en la komercon, stimulis sciencistojn kaj artistojn ĝis li atingis modelan landon: la plej aridaj grundoj fariĝis fruktodonaj dank' al irigaciaj novaj sistemoj, dum la komerco tiamaniere pozitive malvolviĝis ke, laŭ la tiama ĉefo de la ŝtata dogano, la plej granda parto el enspezoj de la ŝtato venis ne de la impostoj sed de la abundaj eksportoj de produktoj (*). Kordovo, kun 500.000 loĝantoj, 113. domoj, 3.000 moskeoj, 300 domobanejoj kaj 28 kvartaloj estis komparebla nur al Bagdado mem.*



*Oni rakontas kiel ekzemplon pri prospero kaj prestiĝo de Al-Andalus, ke forpasinte riĉa konkubino de kalifo Abd-al Rahman, ŝi lasis sian fortunon al la umaja princo, kiu intencis ĝin dediĉi al pago de elaĉetoj de militkaptitoj, sed ĉar en tiu momento oni trovis neniun en la kristanaj regnoj de Leono kaj Navaro, Zahra, la favorata konkubino de la princo, sugestis al li "uzi tiun monon por la konstruo de belega urbo portonta ŝian nomon". Akceptis la sugeston la kalifo kaj en Novembro de la jaro 936 li ordonis komenci la konstruon de tiu impona urbo je kelkaj kilome-*

*troj de Kordovo: dum 25 jaroj, 10.000 laboristoj kun 1500 ŝarĝbestoj okupiĝis pri tiu konstruado, kiun la fondinto ne vidis fini, kiam li forpasis. La reĝa palaco kolektis ĉiujn mirindaĵojn de Oriento kaj Okcidento; ĝi estis tiel granda kaj luksa ke nur en la haremo loĝis 6.000 virinoj (*). Efektive, kiam la bela urbo estis finita oni nomis ĝin Madinat al Zahra.*

*Paralele kun tiu prospero de la lando en ĉiuj kampoj, progresis ankaŭ sciencoj, arto kaj literaturo. Tute nova kultura mondo fermentas en la bela Kordovo. Al ĝi pilgrimas sciencistoj, artistoj, poetoj el la tuta mondo. Estas tiuj jardekoj zenitaj gloraj tagoj por la poezio. Oni parolas la araban, la romancan (**) kaj, en la judaj kvartaloj, la hebrean lingvon. Oni ne plu rigardas al Bagdado por kopii la orientajn modelojn, oni kreas ilin ĉi tie kaj oni fieras ne nur pri la propra kreo, sed pri la karaktero originala de la kreaĵoj. Oni verkas la unuajn antologiojn de poetoj. La liriko de la kalifejo de Okcidento jam provis ĉiujn poeziajn ĝenrojn. La poezio de tiuj poetoj avangardistoj ankoraŭ ne atingis plenan maturecon, sed kelkaj el ili jam meritas aperi en la novaj antologioj. Se ne mencii la anonimajn poetojn aŭtorojn de muvaŝahoj (***), kiuj verkis en la romanca lingvo, Ni citu kelkajn elstarajn el tiuj aplaŭditaj en palacsalonoj, precipe en la ĉefurbo mem, la bela Kordovo: Ibn Hani, de Elvira (m.973) aŭtoro de belaj poemoj el kiuj la plej grava: "Kasido honore al la steloj"; aŭ Ibn Abd Rabbihi, de Kordovo (860-940), aŭtoro de ĉi tiuj belaj versoj:*

*BLANKA VIZAĜO.-*

*Mi neniam ion aŭdis*
*pli mirindan kaj pli ravan:*
*transformiĝ' en karneolo,*
*pro pudor' de perlo blanka.*

*Via vangohaŭto estas*
*tiel delikate blanka,*
*tiel bela kaj perfekta*
*ke, se oni vin rigardas*
*la vizaĝon propran vidas*
*en la klaroj viaj ĉarmaj.*

*Ankaŭ tre interesas la poezio de Chafar ibn Utman al-Mushafi*

*(m.982), veziro de la plej inteligenta bibliofilo el la Mezepoko, la kalifo Al-Hakam la II-a, aûtoro de la konata poemo "Cidonio". Apartan ĉapitron mi dediĉos al la poeto princo Marwan. Kaj mi finas la citojn per la eminenta figuro de Ibn Farach, verkisto kaj poeto naskiĝinta en Jaén, aûtoro de la renoma antologio "Libro de la Hortoj", en kiu li analizas la poezion de sia epoko kaj publikigas la poemojn plej gravajn de tiuj jaroj. Jen unu el la poemoj de Ibn Farach mem:*

*ĈASTECO.-*

*Kvankam preta ŝi al cedo*
*la propono de Satano*
*kiel tento oferita*
*ne meritas mian ŝaton.*
*Ŝi aperis en la nokto*
*sen mistera kaŝvualo,*
*same kiel nokt' tenebra,*
*sed la lum' de ŝia vango*
*sorĉe la vualojn levis*
*de la nokt' kaj de l' vizaĝo.*

*Eĉ ne ŝi rigardon vanan*
*kun kapablo flagri korojn*
*volis lasi ŝi senprova,*
*sed mi fidis al diforto,*
*kondamnanto de volupto,*
*por ke mia pasi -bolo*
*mian ĉaston ne finvenku;*
*tiel virto bremsas koron*
*kiel brido la ĉevalon*
*en rapida ard-galopo.*

*Nokton mi pasigis tiel,*
*kiel kamelid' senmanĝa*
*restas pro buŝum' malhelpa*
*tutan tempon tre malsata.*
*Same kiel hom' en bedo,*
*tiel mi mem malkapabla,*
*nur utila por flarsento*
*kaj rigardi ĝin ĝuplaĉa.*
*Estas mi ne kiel besto,*
*kiu sur ĝarden' sin paŝtas*
*sen kompreni, ke ĝardeno*
*estas ne por best' senmastra.*

*Ibn Farach de Jaen, forpasis en la jaro 976, sama jaro, kiam mortis la klera kalifo Al-Hakam la II-a*

*Antonio Marco Botella*

(*) "Historio de Afriko kaj Hispanio" de Ben Adari, titolita "Al-Bayano l-mogrib". (Daŭrigas glosoj de vortoj paĝ. 17)

# La movado en kaj ekster Iberio

**Bordeaux.-** La 47a kongreso de SAT-Amikaro okazos de la 17a ĝis la 21a de Aprilo 1992, en "Maison de la Promotion Sociale", Av. de Virecourt.- 33370-ARTIGUES-PRES-BORDEAUX (Francio), sub la lemo "De Mozart ĝis Eurokka, Muziko kaj Esperanto: kompliceco de du internaciaj lingvoj".

Kongresaliĝoj bonvolu sendi al k-do: Francois SENDREY; 171 rue Salvador Allende.- F-33130-BEGLES. (Francio). Tre interesa riĉa kultura programo!

**Merido.-** La venonta Ĝenerala Asembleo de HALE okazos en la kadro de la HEF-kongreso de la menciita ekstremadura urbo, de la 30a de Aprilo ĝis la 4a de Majo 1992. Tre grava kunveno. Aldonaj informoj en la Redaktejo de "Kajeroj" kaj en la sidejo de HALE en Seviljo.

Oni petas al la membroj partopreni tiun Asembleon antaŭ eventualaj gravaj decidoj!

**Ĉe la esperantistaj grupoj.-** Multenombraj estis la hispanaj k-doj kiuj celebris la Zamenhofa Tago en siaj respektivaj rondoj per diversaspektaj festoj: bankedoj, promocio de Esperanto-libroj, prelegoj, ktp. Ni kuraĝigas niajn gekamaradojn ĉiam celebri tiun tagon per aĉeto kaj ekzalto de libroj, kiel efektiva rimedo por plifortigi niajn kulturon kaj movadon!

**Segovio.-** Nia samideano Manolo Parra partoprenis pasintsomere kun aliaj eksterlandaj esperantistoj en junularkunveno okazinta en Karlskoga (Svedio).

En Bremen rendevuis ses esperantistoj: svedo, dano, nederlandano du germanoj kaj hispano. De tiu punkto ili bicikladis ĝis Karlskoga propagandante survoje Esperanton, kelkfoje sub agrabla pluveto, en aliaj okazoj sub vera diluvo, tamen optimismo tute ne mankis al tiuj bonaj sportamantoj.

En la kunveno de Karlskoga, oni konsentis organizi karavanon en 1992, de Norvegio al Bulgario, kie ĉiuj partoprenos en Internacia Priekologia Renkontiĝo.

**Printempa Internacia Semajno en Germanio.-** De la 13a ĝis la 20a de Aprilo 1992 okazos en Bad Neuenahr-Ahrweiler (Rejnlando) feria semajno sub la titolo "Printempa Semajno Internacia": ekskursoj, slojdado, kantoj, ludoj, lumbildprelegoj kaj kursoj en Esperanto laŭ pluraj niveloj. Tre favoraj kotizoj. Interesatoj adresu viajn leterojn al la komisiitoj de GEA: Wolfgang Bohr; Johannes-Kirschweng-str. 11.- D-5483-Bad Neuenahr-Ahrwiler. Germanio.

Nico.- La Nicaj esperantistoj projektas aĉeti loĝejon en Nico por gastigi esperantistajn turistojn en komfortaj ĉambroj je kosto multe malpli alta ol en hotelo.

Por tiu celo, la tutmonda esperantistaro estas invitata aĉeti kuponojn po 100 F.F. por unu. Tiuj kuponoj estos akceptataj kiel pago de la restadkosto en Nico. Unu kupono pagos unu nokton en dulita ĉambro, kun duŝo kaj necesejo. Do, 100 F.F. ponokte por UNU aŭ DU personoj!!.

Vi nur pruntedonos monon kiel pagon de via restado ĉe la Lazura Marbordo!

Petu informilon al: Nico-Esperanto; Les Hortensias 2. 121 bis Boulevard Napoleón III. F-6200 NICE. (Francio).

---

---

(Glosoj venas de paĝo 15)

(**) romanco: Vulgara lingvo latinida parolata en ĉiuj landoj de Romanio post la dismembriĝo de la Romana Imperio,kiam tre diferenciĝis de la origina latina lingvo. Latinida lingvo parolata en Hispanujo. b) Komponaĵo por kanto kaj piano sub formo de strofoj.(PIV) . c) La plej antikva versformo de la hispana liriko, oksilabaj versoj, el kiuj asonancas la paraj kaj liberas la neparaj.

(***) muvaŝaho: (El la araba muwaššaha) Versformo inventita de Mocaddam ibn Muafa, de Cabra (Kordovo), favorato de la emiro Abd-Allah (888-912) kaj kutime uzita en popolaj medioj por poezio do plej ofte oni uzis ĝin en la lingvo romanca. Sur la bazo de tiu ĉi versformo oni kreis la zegelon.

********** ********** **********

# ADMINISTRA ANGULO.

Ni komunikas al niaj abonantoj, kiuj ankoraŭ ne pagis la jarkotizon,aŭ abonon 1991, ke ni ne plu sendos al ili nian revuon "Kajeroj", se ili ne pagas la abonon dum la unuaj tri monatoj de 1992 aŭ antaŭavertas nin pri la koncerna prokrasto. La jarabono ankoraŭ estas 800 Ptoj.

HALE sendos nian revuon senpage, kiel ĝis nun, al nepagipovaj kdoj en la orienteŭropaj, afrikaj kaj sudamerikaj landoj.

Al HALE-membroj kaj Abonantoj ni deziras FELICAN NOVAN JARON 1992!

Jam pagis la ĉi jaran abonon: Mª Fernanda Onde . . . . . 1.000 Ptoj
Grupo Esperantista de Alicante . . . . . . . . . . . . . . . . 800 "
Richard Alonso Meurice (Francio) . . . . . . . . . . . . . . .. 50 F.F.

Tutkoran dankon!

# M. FERNANDEZ MARTIN: Poeto.

*Hodiaŭ ni prezentas al niaj legantoj en la Lirikaj Paĝoj de nia revuo la figuron de poeto, de granda poeto de la verto ĝis la plandoj, fantazia kreanto de mondoj, de sunoj, de lirikaj revoj survestitaj de harmonio, ritmo, beleco; organizanto ankaŭ ĉi-jare de Lirika Festo okazonta en Merido, ĉiuj vi sendube jam divenis, ke ni parolas pri nia kamarado kaj amiko Miguel Fernández Martín.*

*Miguel naskiĝis en Granado, 1950. Bakalaŭreco kaj studoj pri solfeĝo kaj kanto-arto. En 1968 li translokiĝas Madriden por pluigi sian kleriĝadon ĉe la Madrida Politeknika Universitato. 1980 signifas por li la jaron de lia esperantistiĝo kaj la komencon de liaj per- kaj por-esperanta agadoj, girantaj ĉirkaŭ la tiam plej vigla MEL (Madrida Esperanto-Liceo), en kies organo, "Nia Voĉo", baldaŭ verkas beletraĵojn kaj artikolojn, kaj kadre de kies instruaj kaj kulturaj aranĝoj li gvidas literaturajn kursojn, prelegas ktp.*

*MEL-prezidanto (1988-1989), SAT-ano, kunredaktoro de "Kajeroj el la Sudo", li kunlaboras en "Boletín", "Heroldo de Esperanto", "Literatura Foiro", ktp., ofte prelegas en kaj ekster Esperantio (E-aj kongresoj kaj renkontiĝoj, Madrida Ateneo, Domo-Muzeo F.G.Lorca kaj la "Generacio de 27" trovas sian kontrapunkton en alia pasio: Esperanto, per kies pluraj registroj li daŭre klopodas transponi la voĉojn de tiu ora plejado.*

*Tradukinto de tri entuziasme akceptitaj libroj: "Sanga Nupto kaj La domo de Bernarda Alba", de F.García Lorca (n-ro 23 de la kolekto Oriento-Okcidento de UEA), "Poeto de l' popolo", antologio de poemoj de Miguel Hernández (n-ro 4 de la kolekto Hispana Literaturo de HEF) kaj "La blua hundo", rakonto de Guillermo Osorio (eldonejo Aguacantos, Madrido).*

*Pasintjare li estis ĉeforganizanto kaj direktoro de "1ª LIRIKA FESTO DE HEF" honore al Prof. D.Juan Régulo Pérez en la kadro de la 51-a HEF-kongreso en La Laguna kaj li estas senhalte verkante poemojn, kiujn oni publikigas en modernaj antologioj kaj plej gravaj esperantistaj revuoj de la tuta mondo. Jen unu el liaj laste verkitaj poemoj:*

*DONU AL MI L' VENENON DE LA DUBO.*



*Donu al mi l' venenon de la dubo.*
*Vi, mia certo, fakto,*
*rokfirma kverko, donu*
*vian profilon, viajn altajn branĉojn*
*por birdi kaj ekflugi; vian trunkon*
*por ĉirkaŭ ĝi hederi viasupren*
*kaj gvati eblajn fulmojn aŭ hakistojn.*
*Lasu de nun surtrunke aperturon,*
*ke la mister' englitu.*
*Vi, mia daŭra forto kaj aŭdaco,*
*donu al mi la tremojn de fajrlango*
*ĉe ululad' cerbera, ĉe descendo*
*viaradiken tra obskuraj grotoj,*
*kie gnomar' palavras kaj petolas*
*apere kaj vanue;*
*ĉe raŭkaj ridoj, briloj de trezoroj,*
*solidiĝintaj sonĝoj kaŝe kuŝaj*
*en egaj oraj kofroj.*
*Lasu por ĉiam min magien strebi.*

*Ĉi amo via estas ia forsto*
*aŭ horto aŭ ĝardeno babilona.*
*El arbaj rondoj kaj el ziguratoj*
*la akvo sendas re sur vian frunton*
*kapricajn klaroskurojn kaj kriptaĵojn*
*jam deĉifritajn, ve!, zigzagan spacon,*
*kiun la rekto faras unustreka.*

*Donu al mi la fonton de la sorĉoj.*
*Vi, saĝo, ekvilibro, mia ŝtala*
*memfido ĉiutaga,*
*donu al mi ŝparvojon trans la poploj,*
*ke la aventurist' en mia eno,*
*portanto de parfumoj kaj pasintoj*
*neeksplikeble vivaj,*
*trafu de l' fantazi' la bluan lagon,*
*mergiĝu al la fundo,*
*kie la nimfoj, nudaj, per kaleŝoj*
*tirataj de gigantaj hipokampoj,*
*veturas al kastelo*
*el perlamot', kristal' kaj anemonoj.*

*Mil sunoj viajn akvojn kaj aleojn*
*inundas kaj brulvundas,*
*faras la verdon ŝrumpa, efloreska*
*l' esencon duran de la ŝtono. Donu*
*al mi solsole punkton sub ombrejo,*
*punkton da nerealo, ke sintrompe*
*mi ŝpinu mian dozon da ĥimero.*

*Ĉiujn adjektivojn, kiujn ni uzis por priskribi la poeziajn ecojn de nia k-do Miguel Fernández paliĝas post la lego de tiel belaj versoj, sed ni emocie silentas nun kaj lasas al niaj legantoj la rajton opinii pri la poemo.*

*La Redakcio.*

********** ********** **********

## Lirikaj Paĝoj

### SALUTON AL LA TRIA AĜO.-

Saluton al la tria aĝo,
kun kiu mi parenciĝas.
Freŝiĝas ĝin la arbarnimfo
novajn suprojn mi konkeras.

Alpaŝas post mi la vanteco,
l' atributo de l' senfrukto.
Min gardas mia modesteco,
hardita en la sojloj de l' tempo.

En la brusto la vivec' de l' kampo
kaj l'ekscito de la gestoj.
Dornoj kovras mian vojon,
skizita de l' vokoj indaj.

N.R.Nejkov

Dve mogili (Bulgario).

********** ********** **********

*Ni tutkore dankas al niaj abonantoj, kiuj jam pagis la jarkotizon. Fruaj pagoj tre faciligas nian administran taskon! Denove dankon!*

# La Magia Libro de la soldato



Estis foje juna soldato, kiu vojaĝis revene al sia vilaĝo post longa militservado. Survoje trafis lin pluvo tiel forta, ke li devis kuri ĝis proksima domo por peti rifuĝon. Tie, la soldato frapis je la pordo kaj, momenton poste, aperis la mastrino, kiu diris al li, ke ŝi ne povas lin enlasi, ĉar la edzo troviĝas for. Tamen, ĉar pluvis kvazaŭ la akvo estus verŝata per siteloj, ŝi permesis la junulon tranokti en la stalo. Li akceptis kun ĝojo kaj sin aranĝis en la brutejo kiel eble plej komforte.

Jam la soldato prekaŭ dormis sur la pajlo, kiam li aŭdis gajan bruadon ene de la domo. Scivole li rigardis tra fendo en la muro, kaj jen li vidis tablon tute plenan de bongustaj manĝaĵoj kaj de granda kvanto da vinboteloj. La alloge aspektaj kolbasoj, la bongustaj kaponoj kaj la sukoplenaj farĉitaj kokidoj ekscitis la apetiton de la malsata soldato tiel, ke lia buŝo pleniĝis de salivo. La junulo observis, ke en la festeno partoprenas la mastrino kaj tre bela knabo kaj ke, se juĝi laŭ ilia konduto, post la tablo venos la lito. Ĉe tio, oni frapis je la pordo kaj la virino ektimis multe.

— Ho ve, mia edzo! Kaŝu vin tuj!

Ŝi enfermis la knabon en la knedtrogo, la kokidojn kaj kaponojn en la forno, la kolbasojn en la provizejo kaj la vinbotelojn en la ŝranko. La soldato atente rigardis tra la fendo, ne perdante el la vido eĉ unu detalon pri la tuta afero.

Kiam la mastro envenis, la soldato aŭdis lin paroli kun la edzino:

— kion ni havas por vespermanĝi?

— Ho, nur plado da kuiritaj legomoj restis el la tagmanĝo.

— Damne! Mi terure malsatas — diris la viro.

— Vi ne avertis min, ke vi venos hodiaŭ, do...

Ĝuste en tiu momento, la soldato komencis laŭte ĝemi:

— Aj, aj, aj!

— Kio estas tio? — demandis la edzo.

— A! Sendube temas pri soldato al kiu mi permesis tranokti en la stalo.

— Nu, kompatinda! — ekkris la mastro. — Eble li fartas malbone; venigu lin.

Kiam la soldato eniris kun esprimo de doloro kaj forte premante sian dekstran flankon per ambaŭ manoj, la mastro demandis lin:

— Kio okazas al vi?

— Verŝajne, pro la humido doloras min la milit-vundoj.

— Nu, venu varmiĝi ĉe la fajro de la kameno. Ĉu vi deziras ion trinki?

Ne ĝenu vin pro mi, sinjoro — respondis la soldato, — danke al ĉi libro, mi bezonas nenies inviton.

— Kio do estas tiu libro? — demandis scivole la dommastro, ĉar li ne sciis legi.

Rimarkinte la analfabetecon de la bona viro, la soldato fiere montris la libron, kies enhavo estis la militista reglamento.

— Jen magia libro. Mi devas nur malfermi ĝin, dirante mallaŭte kion mi deziras, kaj tuj mi povas legi pri la loko, kie ĝi troviĝas.

— Tre plaĉus al mi, se vi konsentus fari provon.

— Nenio facilas pli ol tio. Nu, ni petos kelkajn kolbasojn — diris la sagaca soldato, malfermante la libron kun tre serioza mieno.

— Jen: "Ilin vi trovos en la provizejo".

Kun iom skeptika sinteno, la edzo sin direktis al la indikita loko kaj, efektive, tie li trovis la petitajn kolbasojn.

— Nun, ni petos bonan vinon — aldonis la soldato, daŭrigante la farson.— "Tri vinbotelojn vi trovos en la ŝranko".

Kaj, jen, tie ili estis.

La virino gapis konsternita; kaj la edzo, plene mirigita, dankis la soldaton pro lia invito al kuna vespermanĝo. Sed la bonulo sentis sin eĉ pli feliĉa, kiam la soldato petis farĉitajn kokidojn, kaj la libro indikis, ke ili troviĝas en la forno.

— Kiel bongustaj! — diris la mastro entuziasmigita — la povo de tiu magia libro ŝajnas nekredebla.

— Fakte, vi eĉ pli miros, kiam la libro malkovros al ni la kuiriston, kiu preparis ĉi nutraĵojn. Atentu momenton — la soldato malfermis la libron kaj laŭtlegis — "La kuiristo kuŝas ene de la knedtrogo".

Kiam la edzo levis la kovrilon, la kaŝita knabo aperis tute blanka pro la faruno, forkurante kvazaŭ persekutata de la diablo.

Firme konvinkita, ke li neniam trovos alian libron tiel mirindan; la mastro montris al la soldato sian deziron aĉeti ĝin. Longe la ruza junulo simulis necedemon pri la vendo, ĝis la naiva edzo, ĉiam pli kaj pli pikita, proponis al li grandan kvanton da or-moneroj. La soldato akceptis, kaj poste foriris tre kontenta kun plenplenaj stomako kaj poŝo.

Popola rakonto adaptita de *Liven Dek*

# Lirikaj paĝoj

AMAZONO.-

Blovas freŝo de l' mateno
al vizaĝ' el for'
kaj mi juna, sen kateno
kun bolanta kor'.

Portas min Pegaz' sen brido
fulme kaj sen tim',
antaŭ mia okulvido
monda bel' sen lim'.

Hufoj sparke radiantaj,
kies ven' post vi?
Displektiĝas helaj kantoj
super voj' de mi:

Atingota Helikono
ĉe leviĝ' de l' sun'
nu, Pegaz', al ĉielfono-
kun ni la Fortun'!

Tie el sub hufo nova
klara akvofont'
tuj ekŝprucos per fort' nova
en la sin' de l' mont'.

Kiam la fratinoj miaj
venos kun fervor',
vervo kaj inspir' iliaj
ardos en la kor'.

Kaj al venk' de nia kredo
tra danĝera voj'
kaj Perse' kaj Andromedo
gardos nin kun ĝoj'.

Elisaveta Bagrjana (1893-1991)

Trad. Canko Murgin. (Bulgario).



